II Jaro. XVI Num. 1918 Aprilo.—Madrido




ILUSTRITA REVUO MONATA

OFICIALA ORGANO DE «ZAMENHOFA KAJ ANDALUZIA FEDERACIOJ»

S-ro. Eubilio del Barrio, nacia instruisto de *Alumbres*, apud *Cartagena*, kun la infanoj esperante instruataj de li.

## Parolu pli malrapide

En 1912 efectiviĝis la Internacia Kongreso en Krakovo. Mi iris kaj revenis de tiu kongreso Karavane. La karavano veturis tra Parizo, Munĥeno, Salzburgo, Vieno, Krakovo, Praha, Dresdeno, Nurnbergo, Parizo. En ĉi tiuj urboj la karavano haltis, vizitis la urbon kaj faris iom da propagando. Nia Madrida samideano S-ro San Millan apartenis ankaŭ al la karavano en la iro sed ne en la reveno.

En Dresdeno akceptis nin la tieaj esperantistoj kaj ĉe la vespero ni ĉiuj kunsidis en salonego kiel kelkaj paroladis. Mi estis unu el la oratoroj kaj ankoraŭ mi rememoras proksimume mian paroladeton. Ĉar mi estas promesinta al la Directoro de Hispana Esperantisto ke laŭeble mi skribos ĉiumonatan artikolon por la Gazeto nune profitas la okazon por resumi mian dresdenan paroladeton.

Jen estas la resumo: Estimindaj gesamideanoj: Mi vizitis multajn Urbojn kaj la koncernantajn grupojn kaj mi faris diversajn observojn pri la propagando. Pri unu el ili mi alparolos vin.

En ĉiuj grupoj troviĝas lertaj esperantistoj kiuj flue parolas esperanto sed la plimulte ĉiam petas al la Kunparolanto la jenon: «Parolu pli malrapide».

Ĉiu propagandisto de esperanto prezentas kiel ĉefan argumenton por rekomendi la lernon de la lingvo ĝian facilecon kaj tia argumento ŝajnas almenaŭ malvera. Se esperanto estas tiel facila la petantoj de malrapida alparolo estas malvarmaj aŭ mallaboremaj esperantistoj. Ambaŭ hipotezoj estas malakcepteblaj kaj la konkludo estas do, ke esperanto estas malfacila, sekve, la propagandistoj trompas la naivan publikon.

Tia konkludo estas malvera ĉar ĉiu kiu iom sin dediĉis al la lernado de esperanto konvinkiĝis de la unua momento ke neniun oni trompas dirante ke, rilate facileco, esperanto estas tiel facila ke ĝia ellerno ne postulas pli ol la centono de la tempo postulita de alia nacia lingvo. La kaŭzo de tiaj eraraj konkludoj estas ke multaj esperantistoj preferas paroli sian patran lingvon kun siaj samnacianoj lasante la esperantan konversacion por la okazo de neceso tio estas, por paroli kun alipatrujanoj kaj kiam prezentiĝas tia okazo la esperantisto estas devigata peti pro manko de uzado de la lingvo kun siaj samurbanoj:

«parolu pli malrapide»

*Victor O. de Allende*

Bilbao, la 1-an de Aprilo de 1918.

---

## La senlarma princineto

Dekkvar aprilojn nur kalkulis la princineto Olimpia. Ŝia vizaĝo estis el eburo: ŝiaj bukloj, blondaj kiel oro; ŝiaj bluaj okuloj ŝajnis du steloj rabitaj el la stelplena spaco; ŝiaj lipoj, kvazaŭ ĉerizoj, fervore gardis ŝian blankan dentaron, tiel blanka kiel la neĝo kovranta vintre la montaron, kaj malofte malfermiĝis je dolĉa rideto.

Ŝi vojiris malhumile kaj silente tra la vojo de la vivo, kaj oni povis ŝin konsideri kiel simbolon pri indiferenteco.

Ŝia koro batadis pro nenia sento kaj nedube pro tio ĝi ŝtoniĝis. Nenia emocio rapidigis iam ĝian batadon.

Oni diris ke ŝi neniam ploris kaj pro tio estis nomata *Princineto sen larmoj*.

Ŝi havis nur unu solan amon: ŝi fiere amis sin mem. Ofte ŝi sin rigardadis de riverbordo en la trankvilaj akvoj kaj rideto neperceptebla montris ŝian kontenton. Ŝi ekstariĝis rigardante sian vizaĝon tiam; sed ŝi plej amis super ĉio ŝian hararon el silkaj fadenoj oraj. Multefoje ŝi kisis pasie sian hararon.

***

Ŝi kutimis promeni tra la ĝardenoj de la palaco kaj oni ŝin vidis kvazaŭ blanka feino trairanta la arbarojn.

Iam, kovrita per blanka tuniko el vualo,

ondiĝantaj ŝiaj oraj bukloj sur ŝiaj ŝultroj, sufokita de la varmo, dum kutima matenpromenado, ŝi sidiĝis sub la branĉaro de foliplena akacio kiu ombrigis vastan tersuprajon. Ŝi prenis siajn buklojn, ilin kisadis poste kaj fine ĵetis al la suno malhumilan rigardon. Baldaŭ dolĉa dormo kaptis ŝin.

Disputado de junaj voĉoj subite ŝin vekis kaj tuj ŝi aŭdis spadbruon kaŭzata de duelantoj.

Kruela, ve!, ŝi trairis la arbaron, kaj el ĝi, apartigante branĉojn, eliris eleganta junulo, kies nigra hararo falis disordigita sur liajn ŝultrojn, kaj kunpremante sian bruston ĉe la koro, li falis ĉe la piedoj de la princineto, balbutante kun la lastaj spiradoj:

«Mi vin amas, princino!, por vi mi vivadis kaj pro vi mi mortas». Kruele ŝi forlasis la lokon, sed la junulo rebalbutis jam tre mallaŭte. «Feliĉe mi mortus se viaj okuloj elverŝus solan larmon pro mi»—kaj tion dirinte li mortis.

Nek unu larmo elfluis el la okuloj de la Princino.

*
* *

La reĝino malsaniĝis. Nenia resanigilo estis efika por savi ŝin. Tial en la palaco oni aŭdis ĝemojn kaj vidis larmojn; nur restis indiferenta la princino en sia ĉambro, legante libron apogata sur la gotika fenestro.

Kiam plej priokupata ŝi estis pro la legado, ŝi aŭdis alvokon de servisto, kiu diris:

—Princino, mi vin petegas ke vi malfermu la pordon.

—Kio okazas?—ŝi demandis.

—La reĝino ekmortonta alvokas vin kaj deziras ke vi alkuru al ŝi—diris la servisto.

Olimpia, montrante tedon, lasis la libron kaj iris en la reĝinan alkovon. La reĝo kaj nobelulinoj plorantaj ĉirkaŭis la liton. La reĝino vidinta sian filinon etendis la brakojn al ŝi kaj diris:

—Kara filino, mi mortas, konsolu vian patron! Adiaŭ!... Kisadu min!...

Olimpia apenaŭ kisetis la reĝinan frunton kaj kiel sekvo de tiu senpasia kaj malvarma kiso venis la malvarmo de la morto. Nek sola larmo elfluis el la okuloj de Olimpia, kiu silente revenis al sia ĉambro.

*
* *

Iam la princino malsaniĝis. La plej famaj kuracistoj estis deklarintaj siajn sciadon kaj sperton neutila.

En ĉi tiu okazo, la reĝo sciis pri kastelo, nomita *Palaco de la nuboj*, en kiu loĝadis tri bonfarantaj feinoj, kaj tial li sendis tuj en la kastelon kurieron, kun sekvantaro alportanta multekostajn donacojn por la feinoj, por petegi je la bonfarantinoj resaniĝon de la princino.

La feinoj, fratinoj Temnis, Horaida kaj Kriseida, akceptinte plenĝoje la donacojn, forflugis tra la nuboj al la palaco kaj sin prezentis antaŭ la malsanulino. Ekzamenante ŝin, ili donis al la reĝo la jenon: Temnis, tondilon el arĝento; Horaida, spegulon kun kadro el oro, kaj Kriseida, delikatan vualon el silko. Tiam Temnis diris:

—Superulo ne konsentas al ni sanigi la princinon, sed kiam ŝi estu uzinta niajn donacojn ŝi certe resaniĝos.

*
* *

Tial ke la malsano postulis tion, la kuracistoj ordonis tondi la hararon al Olimpia, sed ĉi tiu koleris kaj neniu kuraĝis fari tion. Iom post iom interplektiĝis la haroj tiamaniere ke estis neeble kombi la hararon, tial la reĝo ordonis tondi la hararon al Olimpia per la tondilo donacita de Temnis dum ŝia dormado, kaj tiel okazis.

Ekvekiĝinta, ŝi suspektema palpis sian kapon, kaj rimarkinte ke la tondado estis efektivigita, ŝi prenis la spegulon de Horaida kaj sin rigardis sur ĝi unue terure, poste kolere, kaj fine dolore. En ĉi tiu momento, ho mirindaĵo! el ŝiaj okuloj ekfluis larmoj, abundaj larmoj, kaj prenis la delikatan vualon de Kriseida per kiu kaŝis sian vizaĝon, kaj subite rememoro venis al ŝia penso: tiu malfeliĉa junulo kiu mortis pro

ŝi unue, poste tia senama kaj seninteresa kiso al ŝia patrino. Pro ĉi tiu rememoro ŝi ploris multe, ploradis dolĉe, kvazaŭ ŝiaj okuloj estus fontoj kaj ankoraŭ ŝi estus ploranta se ne estus aperinta Kriseida, ĉirkaŭata je bonodorfumaj nuboj kaj diranta al Olimpia per harmonia voĉo: «Vi jam estas tute resanigita; la larmoj purigis vian animon».

Olimpia diris siavice: «*La princino sen larmoj* mortis. Mia dankemo por vi estos eterna, sed diru, bonfarema feino, ĉu rekreskos miaj oraj haroj?»

El Kataluna lingvo tradukis
*Asuncion Constuti*

Vendrell, 1918.

# Hispan'-Amerikana ekspozicio en Sevilla

La milito preskaŭ tute paralizis ĉian noblan senton, ĉian arton, ĉian homfratigan entreprenon, ĉian progreson escepte la eltrovaĵojn rilate la pli facila kaj pli terura hommortigado, oni ne okupiĝas pri aliaj aferoj. La viktimoj de la granda katastrofo ĉiutage multobliĝas kaj ŝajnas kvazaŭ la tero volus krevi kaj engluti siajn malpacemajn kaj malhumilajn filojn, por malaperigi tiun ĉi sangan makulon de la homaro kiel ĝi laŭdire faris al glora civilizacio de Atlantoj.

Tamen, ni ne malesperu, ankoraŭ ekzistas iom da bona volo, iom da progreso, iom da arto, kiu floras eĉ dum tiu ĉi malfavora tempo. En la vicon de tiu ĉi floranta arto ni devas noti la konstruadon de Hispano-Amerikana Ekspozicio en Sevilla. Kvankam oni ne povas efektivigi la ekspozicion dum la milito, tamen oni ĉi tie vigle laboras, skulptas monumentojn, konstruas palacojn kaj pavilonojn, preparas kaj kulturas florabundajn ĝardenojn kaj parkojn, kie sub libera ĉielo, apud la fortika nordlanda kverko majeste altiĝas afrikaj palmoj kaj ĉiuspecaj tropikaj kreskaĵoj kiuj pace sin rigardas kaj invitas la vizitanton ĝui freŝan aeron, ravigan vidaĵon kaj profundan animpacon. Tiuj ĉi florabundaj parkoj kie neniam malaperas la floroj kaj la verdaĵoj pro la favora klimato, kvazaŭ eterna printempo, impresigas nin tiel, ke oni malvolinte forlasas ilin. ĉie estas dissemitaj artplenaj monumentoj, ĉiuspecaj agrablaj ornamaĵoj, ravigaj lagetoj, kie vigle moviĝas miloj da brilkoloraj fiŝetoj. Graciaj cignoj kaj aliaj akvobirdoj gaje naĝas kaj apenaŭ ili ekvidas iun bonkoran vizitanton ili amase alkuras, batalante pro ia manĝrestaĵo kiun oni ĵetas al ili aŭ metas rekte en la buŝon de iu kuraĝulo, kiu avide fermigas la bekon timante ke la ceteraj kamaradoj estus kapablaj forŝteli tiun ĉi bongustan glutpecon. Belplumaj pavoj kaj multkolora birdaro vivege rondflugas, kantas kaj gajigas la vizitantojn de tiu ĉi paradizo.

Apenaŭ ni alproksimiĝas al la ekspoziciejo, aperas antaŭ ni admirinda palaco de antikvaj artoj, kiu rememorigas al ni la rakontojn pri «Mil kaj unu noktoj». Ĝi transportas nin en malproksiman orienton pri kiu oni tiel ofte rakontas belajn fabelojn. Maldekstre staras reĝa pavilono, kiu estas ne malpli enirinda. En la mezo estas vasta amerika placo kun fontano, ĉirkaŭ kiu grupiĝas tropikaj palmoj kaj nekalkulebla floraro kun ĉiuj kolornuancoj. Sude staras artstila palaco de belaj artoj. Baldaŭ oni komencos konstrui aliajn palacojn kaj pavilonojn. La konstruaĵoj estas faritaj el brikoj ŝtonoj kaj marmoro, ĉar oni konservos eĉ post la ekspozicio tiujn ĉi monumentojn de belarto.

Certe estas neeble priskribi tion, kion la okuloj de artamanto povas ĉi tie jam nun vidi kaj mi devas konfesi, ke kvankam mi jam vidis multajn ekspoziciojn, tamen neniu estis tiel bela kiel tiu ĉi.

Mi atentigas ĉiujn esperantistojn kiuj intencas viziti tiun ĉi ekspozicion okazontan post la milito, ke ili ne forgesu ĝustatempe anonci sian viziton al Sevilla Esperantista grupo kaj peti la informojn pri ĉiuj detaloj koncerne sian viziton.

*V. Cimr*



ĈEFA FASADO DE L' PALACO POR BELAJ ARTOJ

Ekspozicio Hispan'-Amerikana.—SEVILLA

# NEKROLOGIO

Antaŭ unu jaro mortis unu el la plej fervoraj, laboremaj kaj entuziasmaj esperantistoj, Paŭlo Perez Valle, prezidinto de la grava kaj simpatia Barcelona esperanta Societo «Paco kaj Amo».

Nenia barilo haltigis lin, ĉar ĉiujn rimedojn li uzis por la disvastigo de nia kara Esperanto.

Li multepli apartenis al ni ol al sia familio; tiel granda estis lia amo al nia Societo.

Por li nia «Paco kaj Amo» estis kvazaŭ filo; al ĝi li dediĉis ĉiujn iniciativojn por ĝia progresado, kaj unu el grandaj ĝuoj estis por li diskonigi Esperanton per nia Societo. Malfeliĉe la morto forrabis lin el niaj vicoj, malapero kiu ĉagrenis ĉiujn kiuj havis la plezuron lin koni kaj esti liaj disciploj. Apud li ni konis ami nian idealon kaj propagandi senĉese la sanktan celon de homa kunfrateco. Daŭrigi ni devas la vojon kiun li montris al ni, ne timante mokojn kaj ridojn.

Ne forgesu ni, nunaj Paca kaj Amanoj, ke ni al li ŝuldas profitajn lernigadojn.

Dediĉu ni ĉiuj en la datreveno de lia morto pian rememoron, kaj al la familio Perez-Roig mi reesprimas mian sinceran kondolekon.

*Francisko Piñol*

Delegito de U. E. A. kaj de Zamenhofa Federacio.

---

# KRONIKO

*Cartagena.*—La Grupo «Cartagena» senĉese laboras por progresigi Esperanton. Ĝi lukse eldonis *Januara-Raporto'n*, kiun oni disdonis al ĉiuj personoj, kaj kiu estos efika rimedo por vidigi al neesperantistoj staton de Esperanto spite la terura milito kiu martirigas la Homaron. La Prezidanto de la «Cartagena» Grupo, S-ro Andrés Rosique, same kiel la Sekretario, S-ro Fernando Pastor, helpitaj entuziasme de ceteraj *cartagenanoj*, atente viglas ke Esperanto iru antaŭen en tiu ĉi urbo kaj ĉirkaŭajoj.

*La Arboleda* (Bilbao).—La Socialista grupo ĉi tiea elektis novan komitaton: S-ro Juan Sebastián, Prezidanto; S-ro Saturnino Ortiz, Sekretario; S-ro Juan Rincon, kasisto; S-roj Jacinto Prieto kaj Pedro Vivas, Voĉdonantoj. Oni nomis S-ron Victor Gómez, Delegito de Zamenhofa Federacio.—*Gómez.*

*Palma de Mallorca.*—La ĝenerala kunveno de *Esperantista Klubo Palma* (strato Misión, n.º 5 - 1.º) voĉdonis la jenan Komitaton: S-ro Gabriel Alomar, Prezidanto; S-ro Juan Mascaró, Vicprezidanto; S-ro Mariano Jaquetot, Sekretario; S-ro Monserrate Vich, Vicsekretario; S-ro Francisco Barceló, Kasisto; S-ro Antonio Ramis, Bibliotekisto; S-roj. Juan Aguiló, Bernardo Rabassa kaj Sebastián Villalonga, Voĉdonantoj.

*Barcelona.*—La ĝenerala kunveno de la Grupo *Nova Sento* voĉdonis la novan komitaton: S-ro Canales, Prezidanto; S-ro J. Compte, Vicprezidanto; S-ro M. Gil, Sekretario; S-ro F. Fuster, Vicsecretario; S-ro S. Vives, Kasisto; S-ro J. Silvestre, Kalkulisto kaj S-ro H. Jili, Monkolektisto. Poste oni nomis fakon por aktivigi la propagandon, konsistanta el S-roj Claramunt, P. Benitez, F. Mesa, S. Gami, J. Compte kaj J. Bolós. Baldaŭ oni malfermos novajn kursojn, elementaj kaj superaj.

*Vendrell.*—Lia Moŝta Urbestraro sendis al ni oficialan komunikaĵon efusive dankante nian Grupon *Frateco* pro la granda sukceso atingita dum la pasinta Esperanta Vesperfesto Bonfara.

Sukcese funkciadas la kursoj en nia Grupo. La plej sukcesa estas tiu por fraulinoj kiun ĉeestas 19 kun fervora entuziasmo por lerni Esperanton.

Niaj samideanoj, atente invititaj ĉeestis al la ĉiujara festo de la 4.ª de Marto, okazinta en nia urbo. Dum la nekrologia manifestacio, en kiu multaj kaj diversaj standardoj flagris, nia verda flago altiris la ĝeneralan atenton.—*Guitart.*

*Sabadell.*—Laŭ plenumo de la societa regularo, okazis en la kunvenejo de «Aplec» Esperanta Grupo, la ĝenerala kunsido, kies Direktanta Komitato por la nuna jaro, estis unuanime elektata: S-roj Carlos Peig, Prezidanto; Manuel Sastre, Vicprezidanto; José Oliver, Sekretario; Jaime Miró, Vicsekretario; Salvador Esteve, Kasisto; Antonio Torner, Vickasisto; Pedro Casanovas, Bibliotekisto kaj F-ino Carmen Font, Vicbliotekistino.

Gravan kulturviziton okazigis la «Aplekanoj» al «Observatorio Meteorologia» de la Piaj Lernejoj la dudekkvinan de Januaro, matene, en kie ĝia nelacigebla Direktoro, pastro Baburés, al ni diskonigis siajn multvalorajn scienckonojn pri klarigado kaj funkciado de tiuj precizegaj aparatoj. Ĉiuj ĉeestintoj multe amuziĝis.

La eminenta S-ro Emidgio Fernández, membro de la «Sociedad Astronómica de España y América», elokvente konferencadis la deksepan de Februaro pri la temo «Suna Energio», kies konferenco lumbilde helpata, estis unu el la plej instruaj kaj interesaj okazigitaj ĝin nun.

Entuziasmoplena organizis la Komitato de «Aplec» en diversaj societoj enurbaj serion da propagandaj festoj, el kiuj atingis jam la unua sukceson neatenditan, la dekan de Marto, ĉe societo «Fraternidad Republicana Radical» sub la jena ordo de la gepartoprenintoj: F-inoj Torner, Monserrat kaj Comas; F-rloj Sanvicente, Borrás, Casals kaj Casanovas; kiuj legis respektive tradukojn kaj interesajn propagandajn verkojn; S-roj Marcet kaj Vilardell, respektive paroladis elokvente pri la utileco de nia kara lingvo, en la laboristaraj vicoj; nia simpatia kaj lojala Urbokonsilanto, S-ro J. Llagostera, paroladis pri la nepra neceso enkonduki Esperanton en la Lernejojn.

Fine, nia kuraĝa kaj fervora samsocietano S-ro Marcet, ludis monologon majstre esperantigita, titolata «For la Milito». Ĉiuj estis varme aplaŭdataj de la aŭdantaro, kaj multaj el ĝi montris intereson lerni Esperanton.

Oni disdonis flugfoliojn propagandajn. Baldaŭ estos malfermataj novaj kursoj.

Ni laŭdu sincere la senĉesan entreprenon de la Komitato de «Aplec». Daŭrigu ĝin kuraĝe kaj obstine ĝis atingi la Oficialigon de Esperanto.—*Comadrán.*

*Sevilla.*—El la «Cirkulero de Andaluzia Federacio»:

«La nuna tutmonda milito kiu, elrenversinte ĉiajn socialajn, politikajn kaj ekonomiajn rilatojn nunajn, markos tre difinitan epokon en la homara historio, ankaŭ estos en la esperanta historio la fino de nia malnova epoko kaj la komenco de alia nova. En la milito estis mortigataj milope niaj plej viglaj samideanoj, inter kiuj ni povas citi la Prezidanton kaj Vicprezidanton de la Universala Esperanto Asocio, nia kara U. E. A. Dum ĝi, mortis nia plorata Majstro Lazaro Ludoviko Zamenhof; la eminenta Rektoro de la Dijona universitato, ankaŭ prezidanto de nia lingva Akademio kaj tiom da aliaj nelaceblaj propagandistoj. La milito malaranĝis centojn kaj milojn da lokaj Grupoj en la militantaj landoj, mortigis multajn dekduojn da esperantistaj gazetoj... sed vane. La grandaj ideoj estas senmortaj!

»La homa progresado bezonas, de tago al tago plej premante, ke oni starigu komunan lingvon en ĉiuj nacioj por disvolvi rapide kaj facile ĉiajn iliajn rilatojn, kaj Esperanto jam pruvis bone ke ĝi estas la unika, kiu plenumas tiun bezonon kaj estas sufiĉe enradikigita en ĉiuj landoj de la mondo por ke ĝi sekvu sian triunfan iradon tra ambaŭ Amerikoj, tra Azio, kaj reburĝoni potence tie, kie terura, sed preterpasa ruinigo, ĝin nune iom haltigis.

»Sed ne kredu vi ke nia esperantista movado tute ĉesis en la landoj, kie hodiaŭ oni militas. En Germanujo bone vivadas la esperantistaj gazetoj. En Rusujo propagandas sen lace niaj grupoj de Petrogrado, Moskvo, kaj de aliaj grandaj urboj, tiel same la granda revuo *Ondo de Esperanto.* En Anglujo *bolas* pri entuziasmo niaj Grupoj. En koncentrigaj tendaroj de militkaptitoj oni klarigas multajn kursojn de Esperanto. En la



PALACO POR LA ANTIKVA ARTO

Ekspozicio Hispan'-Americana.—SEVILLA



POSTA FASADO DE L' PALACO POR BELAJ ARTOJ

Ekspozicio Hispan'-Americana. - SEVILLA

malsanulejoj la malfeliĉaj vunditoj envieme vidas, kiel interkomprenas sin tiuj, kiuj feliĉe scias Esperanton, kaj personoj de malsamaj lingvoj kiuj flegas ilin.

»Tio estas, ke se la milito malaranĝis al ni multajn organizaĵojn, estas ankaŭ taŭga por pruvi la gravan mallertecon, kiun ĉiuj nacioj faris, ne pretiginte siajn subulojn pri helpa komuna lingvo kiu, glatigante la antagonismojn de gento kontraŭ gento, eble estus barinta kaj eĉ malpermesinta la terurégan unuan ektuŝon. La milito, tiel hodiaŭ nepopulara inter la malriĉularo, estus ankaŭ malloga por la mezaj kaj kleraj klasoj kaj, ne havante altiron, eble ne estus povinta krevigi ĉi tiun de la profitemuloj.]

»Antaŭen do samideanoj. En la neŭtralaj landoj ni havas la devon teni alten per forta brako nian verdan-flagon. Ni densigu niajn vicojn kaj ni estu nelaceblaj pri la propagando. Niaj iduloj ĝoje montros la luman postsignon de la laboro, kiun ni nun praktikas.

»Salutas frate ĉiujn federacianojn.

»Seviljo la 16-an de Februaro 1918ª.—Prezidanta, *J. Soriano.* Sekretario, *C. Martínez.*»

## Eksterlanda Kroniko

PORTUGALUJO

*Lisbono.*—La 18-an de la kuranta monato okazis en Lisbono la festo memoriganta datrevenon de nia Majstro. Politikaj aferoj en mia lando ĝenis la jam faritajn aranĝojn por ke tiu festo efektiviĝu en la 15ª Decembro.

La festo okazis en la Nacia Teatro, laŭ speciala permeso de la Ministro de la Publika Instruado. La teatro, vasta kaj luksa, pleniĝis je elektita publiko. Ĉeestis la Prezidanto de la Respubliko kune kun la Ministro de la Publika Instruado.

Pli bonan sukceson ni ne povus postuli kaj Lisbona Esperantista Societo, organizinto de la festo, restis tre kontentigita je la rezultato. La likvida produkto estis disdonata inter kvin el la plej homamaj institucioj de Lisbono.

Resumo de la programo de la Festo Esperantista en la Nacia Teatro:

«L'Espero», kantita de la Studenta Orfeono.

«Sunplena Mateno», komedio en portugala lingvo, ludita de du el la plej famaj geaktoroj de Portugalujo.

«La rolo de internacia lingvo en la modernaj socioj», parolado de D-ro Carneiro de Moura, elokventa oratoro.

Elegia «Zamenhof», bela poezio en portugala lingvo, recitita de aktoro Erico Braga.

«La korbo kaj la vulpo», en franca kaj en Esperanto, recitita de la sama aktoro.

«Heroa Portugalujo», recitita de aktorino Palmira Bastos.

Belaj kantoj hispanaj kaj italaj, kantitaj de la kantistino S-ino Africa Cabral.

«Punta mantiljo», komedio en versoj, en portugala lingvo, ludita de la kompanio de la Nacia Teatro.

---

# La Grafoj de Palazuelos

(HISPANA LEGENDO)

**Originale verkita de *Julio Mangada Rosenörn.***

*(Daŭrigo)*

III

La juna kavaliro sidiĝis apud la maljunulino, ĉar ŝi havis strangan influon sur li, kiu ne povis sin klarigi tian sugestion. Li tuj demandis:

—Ĉu vi divenos mian destinon? Tio ne estas eble. Nur Dio scias tion.

—Jes, Dio scias la destinon de ĉiuj homoj, sed Dio mem havigis kapablecojn al iuj personoj, por antaŭdiri al la homoj ilian estontecon. Mi pasigis multajn jarojn apud lerta magiisto araba, vera sciulo, kiu instruis min, kiu transdonis al mi sian sciencon kaj arton. Mi deziras koni, kaj konigi vin, vian destinon, kiun mi aŭguras feliĉa, ĉar ĝi komenciĝis je la plej favoraj aŭspicoj.

La magiistino sin direktis en murtruon, de kie oni povis rigardi la ĉielon, kiun ŝi detale observis, kaj, reveninte en sian ta-



REĜA PAVILONO

Ekspozicio Hispan'-Amerikana.—SEVILLA

bureton, sidiĝis ree. Ŝi legis el kelkaj libroj, ekbruligis fajrujon en kiun ŝi ŝutis diversajn substancojn, kiuj flamiĝis diverskolore kaj speciale verde, kaj ŝi faris tra la flamoj strangaĵojn, kvazaŭ skribaĵoj, per longa pikilo, dirante kiam ŝi finis:

—Donu al mi vian dekstran manon.

La junkro obeis, kaj ŝi prenis kaj ekzamenis longtempe lian manon ekkriante:

—Vi estas feliĉulo, nobla kavaliro! Rigardu vian manplaton. Jen la *mensala* (1) profunda kaj senintermanka, kiu aŭguras al vi longedaŭran vivon. Vidu ĉi tiun sulkon, kiu naskiĝas apenaŭ videbla ĉe la manradiko, iras preter la centro de la manplato pli rimarkebla, kaj tiel ĝi alproksimiĝas al la monto de Marso (2), de kie ĝi fariĝas malpli perceptebla iom post iom, malaperante ĉe la monto de Venuso (2), kaj ankaŭ senintermanka; ĉi tiu sulko estas tiu de la *bonŝanco*, kaj ĝi diras al vi, ke vi estos fama militisto, kaj ke vi mortos trankvila, feliĉa, apud via amatino. Krom tio: kiam mi prenis vian manon, ĝi paliĝis, sed subite ĝi ruĝiĝis kaj tiel restis dum mi ĝin studis; dirante al ni la ruĝiĝo, ke vi subtenos ĉiam ion gravan; kaj la momenta paliĝo, la solan danĝeron, kiun vi ĵus riskis.

—Ĉu vi ne eraros? Ĉu vi ne vin trompos?

—Neniam, mia Moŝto, kaj ankoraŭ malpli pri vi, ĉar pro via kompato, fleginte min, vi evitis la danĝeron, kiu vin minacis, laŭ diris la paliĝo de via mano kiam mi ekprenis ĝin. Tion diras al mi la magia arto per la studo de viaj astroj kaj manoj, helpita de la alĥemio, sed nun restas scii tion, kion diros la divenarto.

La magiistino trinkis fluidaĵon enhavitan en boteleto kaj tuj ŝi ekagitiĝis konvulsie, kun la okuloj ŝajnantaj voli elsalti el la okulkavaĵoj, kaj fine ŝi restis rigida kiel katalepsiulino, kaj en ĉi tiu stato ŝi restis dum multe da tempo, maltrankviligante la junkron, kiu kun profunda emocio atendis la finon de la stranga sceno. Forta skuo montris, ke la sorĉistino rekonsciiĝis, kaj ŝi ekbalbutis per malforta voĉo, tre mallaŭte, kiel se ŝi estus laca pro penigaj klopodoj reveni al la vivon:

—Mi ne eraris!... Vi savos personon, kiu kunportas riĉan kaj tre estimindan trezoron de malproksima lando por nia reĝa Moŝto, kiu honoros kaj riĉigos vin.

La kavaliro elmontris la grandan emocion, kiun kaŭzis al li la profetaĵo de *Fatima*, ĉar ĝi kaj la iluzioj kaj esperoj de lia koro harmoniiĝis perfekte.

Ŝi rediris:

—Nun ni ripozu. Akceptu mian kuŝejon, kiu, kvankam tre humila, estas mola kaj kiun certe vi estos dezironta multfoje dum la milito. Mi kutimas ripozi ie ajn.

La kavaliro rifuzis la proponon. Tio, kion li sentis, eligis la dormemon el liaj okuloj kaj li estis iomete febra.

*Fatima* ripozigis sian kapon sur la librojn, ankoraŭ malfermataj, kaj antaŭ nelonge ŝi dormis trankvile. Kiam ŝi vekiĝis je la tagiĝo, ŝi rimarkis la foreston de la kavaliro, kiu preta, tenante la bridojn, atendis senpacience ŝin.

Malsuprenirinte, ŝi diris:

—Nu; ni deiru. Eliru, rajdu kaj sekvu min.

Li obeis kaj sekvis ŝin, kiu piediris rapide kiel se ŝi estus facilmova kaj forta piedirantino, gvidante la junkron sur mallarĝaj vojetoj tra la arbaro.

Post unu horo proksimume, haltigis ilin maljuna monaĥo, kiu eliris el la arbaro kaj petis protekton; sed, rimarkinte la sorĉistinon, la monaĥo ekkriis: —Ha! Jen la perfidulino kiu venis en nian renkonton! Ŝi perfidis nin! Ŝi spionis nin, kaj kaŭzis la surprizon en kiu mia eskorto estis buĉata de la maŭroj kaj...

—Kion vi diras?—ekkriis *Fatima* tute tremanta kaj ĉagrenata.

*(Daŭrigota)*

(1) Sulko de la haŭto kiun oni rimarkas trairantan de inter la dika kaj montrafingroj laŭlarĝe la manplato ĝis ĝia rando.

(2) La magiistoj nomis tiel la plialtaĵojn de la manplato, kiujn oni rimarkas apud la radikoj de la fingroj.

# NATURO

## ASTRONOMIO

### I

Tutaĵo de tio, kio ekzistas, *mondo, universo, kosmo.* Subtila fluidaĵo pleniganta laŭ la antikvuloj la kosman spacon, *etero.* Sensubstanca estaĵo el kiu, laŭ Leibnitz, konsistas la Universo, *monado.*

Scienco pri la deveno de l'universo, *kosmogonio;* scienco pri ĝia strukturo, pri la movado de la astroj, *kosmografio;* pri la leĝoj, regantaj la universon, *kosmologio.*

Ĉiela korpo, *astro.* Scienco pri astroj, *astronomio;* scienculo, *astronomo.* Astra amaso el konfuza ŝajno kiun oni konsideras kiel formiĝantan astraron, *nebulozo.* Aeroj, gasoj ĉirkaŭantaj astron, *atmosfero.* Lumaj cirkloj ĉirkaŭ iaj astroj, precipe la Suno kaj la Luno, *haloo.* Memlumanta fiksita astro, *stelo.* Stelaro, *konstelacio.* Astro, krom la Suno kaj la Luno, *stelo; la stela lumo trembrilas.* Stelo kies videbleco varias, *helŝanĝema stelo.* Kio rilatas steloj, *sidera tago, horo, horloĝo.* Iaj steloj, *Algolo, Arkturuso.*

Iaj konstelacioj, *dunaskiloj* aŭ *ĝemeloj, hidro, eridano; Granda Urso, Malgranda Urso, Oriono, kasiopeo.*

Ia konstelacio kies steloj estas proksimaj, *plejadoj.* Amaso da steloj kiuj formas larĝan strion en la ĉielo de N. E. al la S. O. *lakta Vojo.*

Astro rondiranta ĉirkaŭ stelo, *planedo.* La planedoj rondirantaj la Sunon *Merkuro, Venuso, Tero, Marso, asterojdoj, Jupitero, Saturno, Uranuso, Neptuno.* Planedaro kiu rivoluas ĉirkaŭ astro, *sistemo.* Planedo kiu troviĝas en la ĉielo opozita de la Suno, *akronika.* Planedo sur kiu ni loĝas, *Tero.* Stelo ĉirkaŭ kiu rondiras la Tero, *Suno.* Planedo rondiranta alian planedon, *satelito.* Satelito de la Tero, *Luno.* Astro kies vojo ĉirkaŭ la suno estas tre longforma elipso, kaj kiun akompanas longa luma strio (nomata *vosto), kometo.*

Ŝtono falanta de la kosma spaco sur la supraĵo de la tero, *aerolito, meteorito, meteorŝtono* (greke *lito* signifas *ŝtono*). Arda aero lito, *bolido.*

Astro kiu ŝajnas plejgranda, *suno.* Luma elstaraĵo kiun oni observas sur la suna disko, *protuberanco.* Luma kaj gasa ŝelo kiu ĉirkaŭas la Sunon, *fotosfero.* Sunhorloĝa kompaso, *gnomono.* Studado pri la sunaj radioj, *radioskopo.* Meti sub la influo de la sunaj radioj, *sunumi.* Kio estas difinita laŭ la Suno prenita kiel centro, *heliocentra* (greke *helio* signifas *suno*). Orbito de la ŝajna rondiro de la Suno ĉirkaŭ la Tero, *ekliptiko.* Tempo dum kiu la Tero turniĝas sur sia akso, *tago;* ĉirkaŭ la Suno, *jaro.* Parto de la tago kiam la Suno estas videbla, *tago;* je la komenco de la tago, la Suno *leviĝas;* je la fino, *kuŝiĝas.* Punkto kie la Suno leviĝas, *oriento, esto E.;* kie ĝi kuŝiĝas, *okcidento, ŭesto, W.* Kun la oriento dekstre, punkto antaŭa, *nordo, N;* posta, *sudo, S.* P unktoj N. S. E. W., *kardinalaj.*

Satelito de la Tero, *Luno.* Periodo dum kiu oni vidas malsaman parton de lumanta Luno, *fazo.* Fazo dum kiu oni vidas malmulte la lunon, kiu aperas sur la ĉielo dum la tago, *novluno.* Fazo dum kiu la Luno aperas de tagmezo ĝis noktomezo, ☽, *kreskanta luno;* dum la nokto ○, *plenluno;* de noktomezo ĝis tagmezo, ☾, *malkreskanta luno.* Daŭro de la kvar fazoj, *lundaŭro, lunmonato.*

Plej alta pozicio de astro en la ĉielo, *kulminacio.* Alteco de astro super la horizonto, *alto.* Alto de astro kiam ĝi pasas ĉe la meridiano de la observejo, *meridiana alteco.* Punktoj de la plej granda kaj malgranda distanco de astro al la Suno, *apsido.* Diferenco inter la vera kaj ŝajna situacio de astro, *aberacio.* Punkto de la orbito de astro kie ĝi estas en la plej granda distanco de la Tero, *apogeo;* plej malgranda, *perigeo.* Angulo, sub kiu oni vidas de astro la diametron de la Tero aŭ de ĝia orbito, kaj per kiu oni difinas la distancon de tiu astro, *paralakso.* Rekto kondukata de la centro de la Suno al la eentro de planedo, aŭ de centro de planedo al tiu de ĝia satelito, *vektoro.*

Punkto de la ĉielo al kiu translokiĝas la Suno kun siaj planedoj, *apekso*.

Ekstremoj de la akso de astro, *polusoj*. Granda rondo perpendikla je la akso, *ekvatoro*. Ĉiu el la du partoj de la Tero aŭ ĉielo limigitaj de la ekvatoro, *hemisferio*. Cirklo de la tera globo paralela je la ekvatoro je la distanco 23g 28' de ĝi, *tropiko*. Momento kiam la Suno atingas sian plej grandan distancon je la ekvatoro, *solstico*. Punktoj kie la ekliptiko tuŝas la ekvatoron, *ekvinoso*. Fenomeno kaŭzata de ia longedaŭra movo de la tera akso kiu pli kaj pli direktas la ekvinosan punkton al la perigeo, *ekvinosa fro-frniĝo*. La du ĉielaj ĉefcirkloj el kiuj unu trapasas la teran akson kaj la ekvinosojn, kaj la alia la teran akson kaj la solsticojn, *koluroj*. Ebeno difinita de ia punkto de la tera surfaco aŭ de la ĉielo, kaj la tera akso, *meridiano*, *astronomia meridiano*. Vertikala ebeno kiu entenas la direkton de *la magneta* montrilo de kompaso, *magneta meridiano*.

Angulo formita de ambaŭ meridianoj, *deklino*. Arko de la ĉiela ekvatoro entenata inter la ekvinosa (printempa) punkto kaj la ekvatora punkto je kiu pasas la meridiano de la astro, *ascensio rekta*, *longitudo*. Pozicio de du planedoj kies rekta ascensio estas sama, *konjunkcio*. Pozicio de du astroj kies rekta ascensio diferencas je 90 g, *kvadraturo*; je 180 g, *opozicio*. Konjunkcio aŭ opozicio de planedo, speciale de la Luno rilate la Suno, *sizigio*. Ekvatora arko entenata inter la ekvinoso kaj la ekvatora punkto kiu vidiĝas ĉe la horizonto samtempe kun la observita astro, *ascensio oblikva*. Distanco mezurita sur la meridiano de astro, inter tiu-ĉi astro kaj la ekvatoro, *deklinacio*, *latitudo*. Momento kiam la deklinacio dela Suno estas nula, *ekvinoso*. Deklinacio aŭ rekta ascensio, *koordinato*.

Arko de la tera ekvatoro entenata inter la meridiano de ajna loko kaj alia meridiano elektita kiel devena meridiano, *longitudo*. Punkto de la ĉielo en kiu ĝin renkontas la vertikalo de la loko, *zenito*. Zenito de nia antipodo, *nadiro*. Angula distanco de la zenito al la poluso, *kolatitudo*; de la zenito al la ekvatoro, *latitudo*. Longitudo aŭ latitudo, *koordinato*.

Angulo formita inter la meridiano astronomia aŭ magneta kaj la vertikala ebeno kiu trapasas astron aŭ teran punkton, *azimuto*. Angulo de la kompasa montrilo kun la meridiano, *ekarto*. Angulo formita inter la horizonto kaj la linio kiu trapasas difinitan punkton, *alteco*. Azimuto aŭ alteco, *koordinato*. Vertikala ebeno entenanta la meridianon, *meridiana ebeno*. Intersekco de meridiana ebeno kun ajna surfaco, *meridiana linio*. Linio sekvata de planedo dum ĝia irado ĉirkaŭ la Suno, *orbito*. Surfaco entenata en orbito, *orbo*. Punkto de la planeda orbito plej proksima je la Suno, *afelio*; plej malproksima, *perihelio*. Malrapida oscila movo de la akso de planedo, *mutacio*. Angulo kiu difinas la pozicion de korpo sur ĝia orbito, vera kaj el centra, *anomalio*. Malordo en irado de la astroj pro ilia interaltiro, *perturbo*. La du punktoj kie la linio laŭ kiu intersekcas reciproke la ebenoj de la ekvatoro kaj de la orbito de iu astro renkontas la ĉielan sferon, *nodoj*. Periodo post kiu ripetiĝas la samaj astronomiaj fenomenoj, *ciklo*.

Mallumiĝo de astro pro intermeto de alia astro, *eklipso*. Eklipso, kiam la tuta astro restas en ombro, *tuta*; parto de ĝi, nur, *parta*; la mezo, sed ne la cetero, *ringforma*. Ŝajna paŝo de la luno apud astro sen okazo de eklipso, *apulso*. Astronomiaj tabeloj sciigante la ĉiutagan pozicion de la astroj, *efemeridoj*.

Aĝo de la Luno je la 1.ª de januaro de ĉiu jaro, *epakto*. Diferenco de la vera tempo (horo de la vera Suno) kaj de la meza tempo (horo de la meza Suno) *tempa ekvacio*. La regiono en kiu oni uzas saman manieron por kalkuli horon, *hora fazo*. Kiu rilatas la daŭron de 24 horoj, *diurna*. (Vidu *kalendaro* kaj *tempo mezuro*.

Ilo per kiu oni povas facile trovi la serĉitajn astrojn en la ĉielo *astroskopo*. Optika ilo por observi astrojn, *teleskopo*. Ilo per kiu teleskopo povas sekvi la ŝajnan movon de stelo, kaj konservi tium-ĉi en sia rigardkampo *siderostato*. Speciala teleskopo kiu

# SPRITLUDOJ de NOVEJARQUE

S-roj Comella, Martínez kaj Naranjo, de Vich, Sevilla kaj Jerez respektive, sendis la solvon pri «Numervortoj Esperantaj».

SOLVO DE LA

## Kriptografio Numervortoj esperantaj

BIE**NULO**
K**UNU**LO
**DU**KO
VI**TRI**OLO
**KVAR**TALO
A**SES**ORO
**SEP**TEMBRO
**OK**TOBRO
**NAŬ**ZO
**DEK**RETO
**CENT**JARO
**MIL**ITI

## VORTLUDO

(Ĉiu streko anstataŭas unu literon.)

2 unuaj strekoj = LITERNOMO

4 unuaj strekoj = KORPORGANO

Tuto = EL FLORO

4 lastaj strekoj = POSTENO

2 lastaj strekoj = LITERNOMO

## PROVERBA KONSILO

KI | ƧE | Vegetaĵo (inverse) | Nevera, imitita (inverse) | 151 (inverse) | NN
S | PERSONA SUFIKSO | A^P A 3

La solvoj en venonta numero.

Tip. Pasaje del Comercio, 8.—Madrid

# ZAMENHOFA FEDERACIO

Ĉi tiu Federacio konsistas el Grupoj, Societoj kaj Esperantistoj el precizaj hispanaj regionoj, tamen povas aparteni al ĝi kiu ajn alia regionano eĉ fremdulo.

Ĝi celas unuigi Esperantistojn kaj progresigi Esperanton, kaj por tio starigis tri klasoj: *Zamenhofano*, *Protektanta Zamenhofano* kaj *Protektanto*, kiuj pagas respektive *unu*, *tri* kaj *kvar* pesetojn jare. La du lastaj klasoj ricevos ĝian oficialan organon,

# Hispana Esperantisto

ILUSTRITA REVUO MONATA

Oni starigis la trian klason por la Grupoj, Societoj kaj Esperantistoj, kiuj, pro specialaj cirkonstancoj ne povas esti Zamenhofanoj.

Sendu la kotizaĵojn per poŝtmandato aŭ per respondkuponoj (4-12 kaj 16 respondkuponojn respektive).

Laŭ eble, Zamenhofanoj protektantaj kaj Protektantoj ricevos senpage esperantaĵojn.

ADRESO: *Pasaje del Comercio, 8, Presejo. Madrid. (Hispanujo).*

ZAMENHOFA FEDERACIO povas liveri: arĝentajn verdstelojn, tre bone emajlitaj; PRI CERVANTES KAJ LIA FAMKONATA VERKO EL QUIJOTE; TRI RAKONTOJ KAJ KELKAJ VERSAĴOJ de D-ro Rafael de San Millán; TODO EL ESPERANTO, hispana ŝlosilo esperanta; PRAKTIKA TEMŜLOSILO POR ĈIUJ LANDOJ kaj HISPANA GRAMATIKO de *Julio Mangada Rosenörn;* propagandajn cirkulerojn kaj poŝtkartojn.

Oni akceptas ĉekojn kaj transpagilojn de Ĉekbanko Esperantista

## Estas kolektoj plenaj de la jaro 1917

Ĉiu kiu sendos *kvin* pesetojn por helpi laboron de la Federacio ricevos tutplenan kolekton.

ADRESO: *S-ro. Julio Mangada Rosenörn.--San Bernardo, 96. Madrid (Hispanujo)*